Año IX N.º 100

# Boletín

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 4

ABRIL 1957

PELAYO, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

## KVAZAŬ VIBRANTA SONORILO...

Kiel decas al organo de modesta organizo, tre modesta estas nia revueto; tiel modesta, ke eĉ titolon ĝi ne havas.

En la komenco, por iel dekori ĝian frontan paĝon, laŭ grafika normo, simple ni elektis vorton, kiu egalas al hispanlingva termino por bulteno, ĉar nur tio ĝi pretendas esti: federacia ligilo inter la hispana esperantistaro. Tamen, daŭra dorlotado de bonvolaj redaktoroj kaj speciala zorgo de spertaj —ankaŭ tre bonvolaj— kompostistoj, malgraŭ malabundo da presmaterialo, certe jam tro eluzita, faris jen miraklon: liveri monatan kajeron, kun bela aspekto kaj plaĉa enhavo, kiu rapide gajnis la simpation kaj estimon de legantoj.

Kvankam principe temas nur pri interna informilo, por la membroj de la Hispana Federacio, estas rimarkinda fakto, ke nia kuriero ĝuas tre favoran akcepton en pluraj eksterlandaj rondoj, kie, pli kaj pli, ĝi akiras kategorion el tia grado, ke la hispana vorteto BOLETIN preskaŭ iĝis radiko por neologismo, ŝajne pli populare konata kaj sendispute aplikata ol multaj el tiuj, kiuj vane baraktas en marĉo de anonimeco...

Tial, do, hodiaŭ ni festas kaj ĝojas, antaŭ la hela jubileo de nia kara gazeto, kiu —ho... indulgu nin pro bombasto, en paradokso kun la proklamita modesteco!— kvazaŭ vibranta sonorilo, sur la turo de aroganta citadelo, dum cent kompletaj monatoj, en regula senhalteco, malgraŭ fulmoj kaj ŝtormoj, sed ankaŭ tra lazuro kaj zefiro, vokis al komuna agado.

**KAJ... POST LA UNUA CENTO, SEKVOS LA DUA!**



La 100-numera jubileo de nia gazeto ĝuste okazas en la sama monato ĉe kies mezo, antaŭ 40 jaroj, ĉesis bati por ĉiam la nobla koro de D-ro Zamenhof. La cindroj de lia korpo ripozas sub tero garnita per sobra monumento, en tombejo de Varsovio, ĉar la glora kreinto de la Lingvo Internacia devis pagi, kiel homo, la fatalan tributon al la morto. Tamen, se la nomo de homo genia, kvazaŭ materia formo de lia spirito, supervivas kun lia verko fizikan detruon, tute certe, precipe nun, post longaj 40 jaroj da masiva historio, riĉega je sociaj renversoj kaj angoraj konvulsioj inter drastaj epizodoj, ni povas laŭte aserti, sen ia hezito nek dubo, ke D-ro Zamenhof ankoraŭ spirite vivas, laŭ vibroj de ritmo kaj takto, en la dinamiko de obstina strebado de tiuj homoj --feliĉe, en miloj kaj miloj-- kiuj, dise tra la mondo, en urboj de landoj ege diversaj, fervore kaj romantike, sed ankaŭ aroge kaj fiere kaj... saĝe --plej saĝe!-- sin nomas esperantistoj.

*Al la eksterordinareco de ĉi tiu numero plene kontribuis la valora kunlaborado de kompetente elstaraj samideanoj, landaj kaj eksterlandaj, kiuj, sekve de invito nia tiurilate, ĝentile akceptis pligravigi nian ĝojon —sincere ĝojante mem!— okaze de la ronda cifero, kiun jam atingis en bona ordo la kolekto de nia gazeto, kiu hodiaŭ prezentas, sen manko de pipro kaj salo, tre varian sortimenton de artikoloj kaj salutoj*

# JUBILOSO JUBILEO



**Para los esperantistas españoles, la aparición del centésimo número del BOLETIN de la Federación Española de Esperanto significa un legítimo orgullo y una clara ejecutoria.**

**Lanzar una revista, en alas del entusiasmo por una idea generosa, es cosa fácil; pero, sostenerla ininterrumpidamente con fé y constancia, a lo largo de casi diez años, a pesar de la modestia económica y de las dificultades, que constantemente asaltan a su abnegada y reducida redacción, logrando mantenerla a un nivel decorosamente parejo al de otras publicaciones extranjeras, eso... es otra cosa. Y ese mérito, que deben recoger los esperantistas españoles, como cosa propia, no pueden ni deben perderlo, por falta de apoyo moral y material a su BOLETIN.**

**Nadie debe olvidar que los anhelos, el sentir y la vida misma del esperantismo en España, han quedado fijados en las páginas de nuestro periódico, que, por ello, ha podido considerarse como el aporte nutricio de nuestra colectividad. Todos saben que sin él quedaría rota nuestra cohesión, nuestra fuerza espiritual y hasta nuestra importancia en el mundo. Ningún esperantista español, ni nadie del amplio sector simpatizante, podría comprender nuestra existencia social, sin el optimismo de nuestro portavoz.**

**Pasarán los años; otras figuras vendrán a sustituirnos, nuestro recuerdo tal vez se borrará para las generaciones futuras... Pero ahí quedarán, esculpidas en el tiempo, las páginas del BOLETIN como testigos perennes de una fé, un tesón y una tarea que nos impuso, por continuidad espiritual, la ejemplar vida del genial creador del Esperanto, que tanto apreciaba a los españoles.**

**Ser esperantista es un privilegio del que todos debemos sentirnos orgullosos. Pero ese privilegio lleva aparejadas ciertas obligaciones morales: perfeccionarse en el uso del idioma, utilizarlo para bien de la humanidad, y difundirlo siempre y en todo lugar, para que todos puedan gozar, como nosotros, de sus beneficios. Esto último se puede lograr favoreciendo al BOLETIN, garantizando de manera generosa la materialidad de su existencia, que tan agradable y provechosa ha sido ya, durante el transcurso de cien meses consecutivos, para todos nosotros.**

**Esta es la mejor manera de celebrar este jubileo, y así espera que lo hagan todos los esperantistas españoles**

EL PRESIDENTE

*Dr. Rafael Herrero*

UNIVERSALA
ESPERANTO-ASOCIO

**LA PREZIDANTO**

Jen la 100-a numero de BOLETIN! Ĝi estas do jubilea numero, kaj oni rajtas pro tio halti momenton survoje kaj kun ĝojo festi la etapon, por sin prepari al nova periodo da konstanta laboro.

En tiu ĝoja okazo, kun kora gratulo, mi sendas al la Redaktoroj de BOLETIN, al la Estroj de la Hispana Movado, al ĉiuj Esperantistoj de Hispanujo, la plej koran saluton en la nomo de la Esperantistoj de la tuta mondo.

Oni scias ĉie, ke en Hispanujo bone laboras fervoraj samideanoj, kaj oni vidas kun plezuro la progresojn de nia Movado en tiu lando. La plej bela bondeziro, kiun mi ŝatas fari al BOLETIN, estas ke ĝi povos baldaŭ anonci Universalan Esperanto-Kongreson en unu el la belaj kaj fame-konataj urboj de Hispanujo!

**PROF. GIORGIO CANUTO**

Al S-ro Luis Hernandez
Redaktoro de BOLETIN

Estimata kaj kara amiko:

Okaze de la 100-a numero de BOLETIN mi sendas al vi kaj al viaj kunlaborantoj la plej korajn gratulojn kaj bondezirojn.

La Esperanto-Movado estas esence sintezo de du grandaj ideoj, kiuj regas la hodiaŭan mondon: la universalisma idealo kaj la naciisma realaĵo. En tiu sintezo kunfandiĝas la aspiroj de klarvidaj kaj noblaj mensoj al tuthomeco, super akcesoraj diferencoj, kun la plej valoraj akiraĵoj de la unuopaj kulturoj, kreitaj en naciaj kadroj. Tiamaniero, per la Internacia Lingvo kaj tra ĝi, iom post iom, ne nur kreiĝas nova spirito de harmonia balanco inter du lojalecoj —tiu al la homaro kaj tiu al la propra nacio— de ĉiu vere civilizita homo de la 20-a jarcento, sed ankaŭ formiĝas nova kulturo, internacia kaj laŭ la enhavo kaj laŭ la formo. Al ĝi jam alportis kaj plue alportos siajn plej gravajn pensojn kaj plej elstarajn verkojn, precipe tiujn kun universale homa karaktero, ĉiu nacia kulturo. La hispana tiurilate ludas unuarangan rolon, ne nur pro la disvastigiteco kaj beleco de la lingvo de Cervantes, sed ankaŭ, kaj ĉefe, pro la senmortaj filozofiaj, sciencaj, literaturaj kaj ĝenerale kulturaj valoroj, kiujn la hispana civilizacio donis al la homaro.

Tial, la hispana Esperantistaro havas speciale signifan rolon en la Esperanto-Movado: ebligi ĉiam pli kaj pli, ke la tutmonda kulturo kreata en la Internacia Lingvo konstante kaj ĉiam pli amplekse riĉiĝu per juveloj el la hispana trezorujo. Per tio ili faras servon al sia patrolando kaj al la mondo. Ankaŭ BOLETIN, kvankam ankoraŭ modesta laŭ la nombro de paĝoj, certe multe helpis per siaj 100 numeroj en tiu grava eduka kaj kleriga laboro. Ĝi kaj ĉiuj ĝiaj kunlaborantoj meritas tutkoran dankon ne nur de la hispana, sed ankaŭ de la tutmonda Esperantistaro.

Kun plej varmaj bondeziroj por plua progresado de la Hispana Esperanto-Movado kaj ĝia organo, kun multaj amikaj salutoj al vi kaj al ĉiuj hispanaj esperantistoj. Sincere via

*Prof. D-ro Ivo Lapenna*

**Ĝenerala Sekretario de U. E. A.**

Antaŭ ĉio, ni devas plene certigi la estontecon kaj la senhaltan regulan eliradon de nia centra gazeto. Ĝi estas la unuiganto, la pelanto kaj la regulatoro de nia afero, per unu vorto: Ĝi estas la koro de nia afero! Tie ni devas centri nian tutan forton; Ni ne devas uzi flanke eĉ la plej malgrandan el niaj fortoj kaj rimedoj materialaj, antaŭ ol ni estas tute certaj, ke la daŭrado de nia centra organo staras tute ekster danĝero. Se unu fojon tiu ĉi koro devos halti, tiam perdiĝos nia afero kaj ĝin ne povos savi la plej grandaj sensisteme disĵetataj aferoj, kiuj povas doni nur minutan lumon.

**El artikolo de D-ro Zamenhof en «La Esperantisto» (Kolekto de la jaro 1891ª)**

## Karaj Samideanoj:

Mi estas jam de multaj jaroj sincera admiranto de BOLETIN. Antaŭ iaj ses jaroj, mi publike laŭdis la belegan aspekton de la hispana gazeto; kaj mi ne havis okazon poste ŝanĝi mian opinion, sed krom tio, mi admiras ĝian seriozan sintenon al nia afero, kaj tute aparte la liberan --la vere liberan-- diskutadon pri dornaj demandoj, kiu de tempo al tempo okazas sur ĝiaj paĝoj, kaj ankaŭ la maturajn recenzojn. Okaze de ĝia 100ª numero, mi forte deziras diri ion profundan aŭ trafegan por esprimi mian admiron kaj bondeziron.

Anstataŭ tio, mi trovas, ke miaj pensoj ĉiam vagas al la sama demando: kiam, ho kiam, niaj hispanaj amikoj dotos nin per la kompleta «Don Kiĥoto»? Nia literaturo havas multegon, sed tre mankas al ĝi la hispana majstroverko. Cetere, la hispana estas unu el la lingvoj --unu el la multaj lingvoj-- en kiuj mi apenaŭ orientiĝas; bonaj tradukoj el la hispana estas treege maloftaj en mia denaska angla lingvo; sekve, por miaj informoj rilate la hispanan literaturon mi dependas de la entuziasma priskribado de miaj hispane parolantaj amikoj.

Kiam ni ricevos «Hispanan Antologion»?

Okaze de centopa festo, oni ofte rigardas malantaŭen. Sed certe niaj hispanaj amikoj preferos rigardi antaŭen al la multo ankoraŭ plenumota. En tio mi pense aliĝas al ili, kaj deziras al ili ĉiam pli grandiozajn sukcesojn.

Kun varmaj samideanaj salutoj, via

**W. AULD**
**Johnstone (Skotlando)**
**Redaktoro de «Esperanto» oficiala organo de U. E. A.**

# JEN PASKA OVO... POR LA 100.ª «BOLETIN»

La paskofesto kaj la jubileo de la mult-merita, bela hispana organo BOLETIN koincidas. Mi ne scias, ĉu la donacado de koloraj ovoj estas kutimo ankaŭ en via lando, (*) sed kiel simbolon por la vivo kaj vivdeziro --laŭ la kutimoj de mia naskolando-- mi volonte donacus al vi. Por simboligi tiun ĉi simbolon, jen mi sendas al vi artikoleton pri la paska ovo.

—

Pasko estas printempa festo. Ĝi ne estas nur kristana festo, sed kiel printempa festo estas retrovebla en multe da aliaj religioj. La kristana festo ja originas el la pagana printempa festo kaj ĝiaj simboloj same. Inter tiuj ĉi simboloj estas la plej ĝenerala la ovo.

En Svedlando la ovo estas tradicia paska manĝaĵo; kaj la dekoraĵoj de la paska tablo estas kombinitaj kun tiu ĉi simbolo. En Germanujo oni uzas ornamaĵojn, eĉ surskribojn, sur la ovoj. Ankaŭ en la slavaj landoj. Mi memoras pri tre belaj ornamitaj ovoj el Hungarlando.

Oni gravigas la ovojn per diversaj ceremoniaĵoj por substreki, ke temas pri esenca simbolo. En religia pola domo, oni lokas la ovon mezen de aveno, kiun oni semis semajnojn antaŭ Pasko. Laŭ malnova kutimo, la bienposedantoj donacis al ĉiu, kiu venis en la domon, ovon. La vizitanto redonis la duonon de la ovo al la mastro, kaj kune kun li oni konsumis la simbolon de la renaskiĝo kaj forto. Inter la balkanaj ortodoksuloj, oni transdonas la ovojn kun salutvortoj pri la reviviĝo de Kristo (Grekujo). La sama kutimo estas retrovebla ankaŭ en Persujo, kie la nekristanaj persoj donacas simile ovojn kune kun siaj novjaraj (printempaj) salutoj.

En Hungarlando ekzistas daŭre stranga kutimo. La duan tagon de Pasko la fraŭloj vizitas en la kamparo la domojn, kie estas fraŭlinoj. La milda formo de la sekva kutimo estas, ke oni ŝprucigas ***odoran akvon*** aŭ ***rozakvon*** al la junulinoj; la iom pli forta formo estas, ke oni tiras la junulinojn al la putoj, kie ili verŝas tutan sitelon da akvo al la krianta junulino, kiun ne multe trankviligas la fakto, ke ŝi atendis jam la atakon. Post tiu ĉi dubvalora higiena servo, la knabinoj devas donaci ŝinkon kaj ruĝajn ovojn plus brandon. En la urboj la kutimo jam antaŭe pli-malpli malaperis, sed certe ankaŭ nun, oni ŝprucigas kelkajn gutojn da parfumo al la plej proksima sinjorino. Ke oni devas ankaŭ ekscesi inter la mildaj

(*) Jes, ankaŭ — Noto de la Redakcio.

formoj de la urba paska ŝprucado, tion mi mem pruvis iam, kiam estante kvarjarulo simple ĵetis la tutan parfumflakonon al la frunto de bela junulino, kiu tuj poste iĝis multe malpli bela, sed multe pli ŝvela.

En Belgujo oni kredas, inter infanoj, ke la sonoriloj —migrintaj kaj remigrantaj Paske al kaj el Romo— faligas la ovojn kaj oni kuras tuj post la unua sonorigo al la ĝardenoj por serĉi la ovojn. Stranga parigo estas la ovoj kaj la leporo, kio estas sufiĉe ĝenerala. Ĝi estas kombino de du paganaj simboloj de la fekundeco (frukto-riĉo). La sama simbolo de la fekundeco estas facile elanalizebla el la ĵus menciita, ŝajne tute infaneca hungara kutimo, kiu donas la kompletan erotikan simbolon de la vivo. Por la akvoverŝo la junuloj ricevas la simbolon de la fekundeco donace.

Jam en la malnova tempo, oni propriĝis sorĉforton al la ovoj kaj eĉ al ovoŝeloj, kiujn oni metis en la tombojn por atingi la reviviĝon. En Bosnio kelkloke oni manĝis ovojn kaj trinkis brandon ĉe ĵus fermita tombo, kaj oni ripetas tiun ĉi ceremonion dum la sekva Pasko. La rulado de ovoj (kun la celo rompi la ovojn de la kunludanto), estas malnova sudsvedlanda kaj germana kutimo. El 1615 estas konata malpermesa dekreto germana pri tio en la preĝejo, ĉar la ludanto ne nur mem ne preĝas kaj atentas la predikojn, sed malhelpas ankaŭ tion al la neludantoj.

La paska ŝafo estas jud-devena kaj origine havas nenion por fari pri la ovoj. Ĝi estis oferbesto. La kristana kredo modifis la simbolon kaj metis la gravon al la senkulpeco de la oferbesto. La ruĝa koloro de la ovoj estas kontaktigebla al la elverŝita sango de Jesuo, sed ĉar la ruĝigo de la ovoj aperas en alia kontakto eĉ ĉe la ĉinoj (okaze de naskiĝo de filo), oni devas konkludi, ke la praorigino de la ruĝa koloro estas simple la simbolo pri la vivo, t. e. reprezentita per la sango kaj la koloro de la sango.

—

Kvardek jarojn post la morto de nia Majstro, mi volus meti ĉiujn simbolojn de la vivo kaj reviviĝo sur lian tombon, por sensigi la eternan forton de nia ideo, kies kuraĝa batalanto estas BOLETIN, ĉi-okaze mem objekto kaj ankaŭ peranto de tiu ĉi simbola omaĝo.

**P. SZILÁGYI - Boras (Svedlando)**
**Akademiano kaj Sekretario de la Belartaj Konkursoj de U. E. A.**

## LITERATURA SPEGULO

**Rimletero de POUL THORSEN**
**Kopenhago (Danlando)**

Karaj legantoj kaj redaktoro!
Freŝa sin tenas en mia memoro
via akcepto tre nobla,
kiam mi vagis en aĝo tre juna
tra via lando suda kaj suna
—kaj dum reveno duobla.

Sed, ĉu vi scias, ke multe pli ofte
*vi* venis Norden, kaj kvazaŭ adopte
per nia lingvo komuna?
*Sango kaj Sablo* paradas (ho peza!)
sur mia breto kun iom hereza
*Antologi' Kataluna.*

Saltas subite el cindro heroldo:
*Boletin* kaj *La Legema Koboldo!*
Stilo subtila kaj franda.
Pro via brila fragmento *Kiĥota,*
pro *Scivolul' malprudenta* (eksmoda!)
dankon, homego malgranda!

Belaj *afiŝoj* sinsekvas konstante,
*Dialektikon* Dalmau elegante
versas por erudicio.
Sed super ĉio nun trilas birdeto
laŭde al bela serio *Stafeto*
voĉe de la Kanario.

Karaj amikoj! La centa numero
estu signalo por plua prospero
—tial nun kora gratulo.
Lasu ankoraŭ nin ofte revidi,
lasu nin plori, lasu nin ridi
en *literatura spegulo.*

### SALUTO EL ORIENTO

Estimata samideano!

Por mi estas grandaj honoro kaj plezuro, ke vi donis al mi la ŝancon saluti al vi, la redaktoro, la estraro kaj la kunlaborantoj, kiuj estas al mi tiel intimaj.

Mi legas BOLETIN ĝue, ĉar ĝi estas tiu malofta nacia-esperanta revuo, kiu ne nur liveras interesajn artikolojn pri la esperantismo el lingva kaj morala vidpunktoj, sed ankaŭ ebligas al mi plej varman kontakton kun viaj popolo kaj kulturo.

Bonvolu do akcepti, pro la jubilea numero, mian elkoran gratulon kun deziroj por via ĉiam pli granda prospero!

Frate kaj samideane via

**TERUO MIKAMI**
**Oomoto Kameoka, Kioto-hu (Japanio)**

# PRI PSITAKOZO *Diskoniga klarigado de D-ro Ernesto Tudela*

Jen malsano ŝajne tiel nomata, ĉar oni kredis, ke ĝi nur atakas la psitakojn (genro de papagoj); tamen, oni povas aserti, ke ankaŭ la ceteraj papagoj, konuroj kaj aliaj similaj birdoj suferas ĝin, de kiuj ĝi transiras al la homoj.

Aliaj birdoj, ĉu hejmecaj aŭ enhejmigitaj, ekzemple: anseroj, meleagroj, kolomboj, kokoj, mevoj, merloj, kanarioj, fringeloj, fringoj k. c. ne suferas tian malsanon, sed multfoje ili estas virusportantaj kaj kontaĝias la homojn, ĉar multaj personoj permesas, ke la birdoj piketu iliajn vizaĝojn aŭ lipojn, kaj eĉ toleras, ke ili prenu manĝaĵon el ilia buŝo.

Abomeninda kutimo, kies evidenta danĝero pravigas la aperigon de ĉi tiu artikolo. La psitakozo estas danĝera malsano, kiu ekde 1879 --kiam oni raportis pri la unuaj kazoj ĉe la homoj-- okazigis vastajn epidemiojn en diversaj eŭropaj kaj amerikaj landoj, kie la kvanto da malsanuloj kaj mortintoj estis granda.

La viruso (ege malgranda estaĵo, nur videbla per speciala mikroskopo) troviĝas en okulaj, nazofaringaj kaj bronkaj mukaĵoj; ankaŭ en la fekaĵoj de la atakitaj birdoj. La infektitoj iĝas kvietaj, kun duonfermitaj okuloj kaj hirtaj plumoj, sen apetito kaj kun dispneo (malfacila spirado) diareo kaj abunda sekrecio ĉe la nazo kaj okuloj.

En forte atakitaj birdoj, baldaŭ aperas konvulsioj, komao kaj morto. En tiaj kazoj estas tute facile konstati la malsanan staton de la bestetoj, kaj apartigi ilin por eviti kontaĝion; sed, bedaŭrinde, la malsano multfoje evoluas tutkaŝe, sen videblaj simptomoj, tial ke la atakitoj aspektas sanaj kaj, konsekvence, la danĝero je kontaĝio pliiĝas.

Kiam la viruso trafas la homojn, komenciĝas unu- aŭ dusemajna inkubado (kovado), dum kiu la virusoj multegiĝas. Post tiu kaŝa periodo, ili disvastiĝas tra la tuta organismo, estigante septicemion (sanginfekto). Alta febro (40° c. aŭ pli) evidentiĝas, kaj nepraj komplikaĵoj ĉe la pulmoj estiĝas. Ankaŭ, ĉe la nazo aŭ tra la anuso, aperas oftaj kaj abundaj hemoragioj; la malsanuloj sin sentas sen forto, kun malrapida pulso, dispneo kaj mukosangaj aŭ mukopusaj sputaĵoj.

Antaŭ ol oni eltrovis la kontraŭvirusajn antibiotikojn (aŭreomicino, teramicino, kloromicetino, tetraciklino, k. c.) la psitakozo mortigis 35 % el la atakitaj homoj, aŭ pli, kiam ĝi trafis maljunulojn, kaj 50 % el la atakitaj psitakoj kaj similaj. Kompreneble, de antaŭ kelkaj jaroj, la prognozo pliboniĝis, ĉar precipe la tetraciklino multe efikas. Tamen, se la mortkvanto malpliiĝis, oni ne devas forgesi, ke la malforteco kaj malvigleco restanta ĉe la resaniĝintoj, pro la sangperdo, krom la neeviteblaj perturboj okazigitaj de la antibiotikoj, preparas la terenon por ke iu alia danĝera malsano povu ekaperi.

---



## ESTAS FONTOJ...

Estas fontoj ŝprucantaj
el la rokaro,
floroj bonodorantaj
sur la herbaro,
kaj ankaŭ birdoj,
kiuj pepas kaŝite
sub arbfolioj.

Same jen en la tristaj,
ve! mondoŝlimoj,
ankaŭ estas kaŝitaj
multaj animoj:
animoj belaj,
kiuj tute silente
la bonon semas.

**Elhispanigis kun sama rimo kaj ritmo**
**Alcibiades GONZALEZ**
**Barros (por la Felguera) Oviedo**

# KANARIA LEGENDO

de *Prof. Juan Régulo Pérez*
**Akademiano - La Laguna (Kanariaj Insnloj)**

**Kiel kutime, nia amiko S-ro J. Régulo Pérez, ankaŭ en ĉi tiu artikolo, ĵonglas per kelkaj vortoj kaj esprimoj, kiuj, kvankam korektaj el gramatika vidpunkto, ŝoke aspektas tamen kiel ne naturaj aŭ intence torditaj provformoj. Tial, kun ĉi tiu atentigo, ni aperigas la kontribuaĵon, submetante ĝian stilon al la opinio kaj bona kriterio de niaj legantoj. — Noto de la Redakcio.**

«Sciencaj Studoj», aperonta libro por la 50-jara jubileo de Internacia Scienca Asocio Esperantista, enhavos artikolon, per kiu mi klopodas montri kiel la reala geografio de Kanariaj Insuloj pravigas la klasikajn mirgeografiajn rakontojn pri la Hesperidinaj Insuloj, kun la mitoj de Atlanto kaj la Drako. Sed, kiel rezulto de tiu mia fendeto tra la densa maŝaro de la jarcentoj, de mia provo ŝovi mian trudeman nazon en la krispon de unu el la plej belaj kreaĵoj de la homara mitologio, de mia peno ekkapti tiun naĝantan miton, kiu de trea prao sidas sur Kanarioj —kiel rezulto, jen mi ankaŭ samtempe renkontis pluraj n belajn legendojn, kiujn elkranis la insulana fantazio por koincidigi la mitan tradicion kun la fakta realo de la Insuloj. Nu, kiel kontribuaĵo al la 100ª numero de nia BOLETIN, jen sub esperanta vesto kaj en mia reeĥo unu el la plej ĉarmaj el tiuj legendoj. —

Unu someran vesperon de la praa antikveco, mezmara komerca navigisto albordis la insulon Tenerife, serĉante draksangon, kaj elŝipiĝis ĉe ŝirmita strando. Tie li surprizis kelkajn landidajn junulinojn, kiuj sin banis en la maro. La entrudema navigisto persekutis ilin kaj sukcesis kapti unun. Ĉi tiu planis ruze konkeri la koron de la fremdulo por pli bone lin trompi kaj sukcesi forkuri. Tiel, donante al li signojn de amikeco, ŝi proponis al li fruktojn de la insulo. Al tiu navigisto, kiu venis serĉe de draksango kaj por kiu estis vero en lia imago kaj en lia animo la mito de la Hesperidinoj, la fruktoj, kiujn tiu junulino proponis, povis ja ŝajni la pomoj de la Hesperidinoj. Nu, dum li senzorge manĝis, la junulino lertmove saltis al kontraŭa flanko de ravino kaj foriris, rapide kurante kaj kriante, ĝis ŝi kaŝiĝis en naturan boskon. La fremdulo, kiu persekutis ŝin de proksime, vidis, surprizita, ke io movas siajn foliojn kvazaŭ nenombreblajn ponardojn, ke trunko simila al serpentego moviĝas lulate de la vento kaj ke inter siaj brakoj ĝi kaŝas la junan indiĝeninon. La navigisto svingis kontraŭ ĝin sian ĵetlancon, kiu, eniĝinte en la trunkon, balanciĝis, dum de ĝia alia ekstremaĵo komencis guti likva draksango. Konfuzite kaj terurite, la viro ekkuris malsupren al la bordo, enŝipiĝis kaj rapide fornaviĝis. Ĉar dumire li pensis en sia koro, ke li surprizis unun el la Hesperidinoj en ŝia Ĝardeno kaj ke la mita Drako venis ŝin defendi...

—

De tiam estas tiom potenca por la Insuloj la tuŝo de la flugiloj de tiu helena mito, ke eĉ mem hodiaŭ por multaj nordeŭropaj vojaĝantoj, Kanariaj Insuloj apartenaș al la sama mita sekso kiel tiuj odiseadaj insuloj, kiu retenis Odiseon, al li forgesigante edzinon, filon kaj patrujon. Jen la sekreto, la ĉarmo kaj la danĝero de la *Insulæ Fortunatæ*, kie la praaj helenaj mitoj situigis la Paradizon, la «dian izolecon» de la tera vivado, meze inter la dioj kaj la homoj. Tie ĉi, subtenata de la fortegaj ŝultroj de la atlantiĝinta monto Teide, finiĝas la Universo. Kaj tie ĉi la animoj, nutrataj de oceana kaj fruktoĝardena odoro, aŭdas harmoniajn birdojn eterne kantadi, kvazaŭ la kristalvoĉaj Hesperidinoj...

Pelitaj de tiu famo, la ĝenovanoj vizitis la Insulojn jam dum la XIVª jarcento, kaj ilia aventuro allogis ĉiujn navigistajn donĥuanojn de la renesanco, nome majorkanojn, portugalojn, baskojn, bretonojn, kastilanojn, andalucianojn... Poste venis nederlandanoj, afrikaj maŭroj, pirataj admiraloj de la blonda Albiono... Neniu venkis la Feliĉajn Insulojn, ĉar ja finfine ĉiujn konkerantojn elkonkeris la mildo, la silenteca ministero... Kaj tiel la Feliĉaj Insuloj, la Ĝardeno de la Hesperidinoj, daŭre pluiras, kiel najadoj, sur la ondoj de senlima maro, kies referencoj estas plej sekure troveblaj en la viva ĉarmo de la mito.

---

LEGENDO SEN POEZIO ESTUS FLORO SEN KOLORO KAJ PARFUMO

Placo Oriento

kaj

Reĝa Palaco







La moderna Domo Hispanio, en la samnoma placo, kaj Monumento al Cervantes

# *MADRIDO MONUMENTA*

La plej vasta monumento de nia kongresurbo estas la Reĝa Palaco, majesta konstruaĵo laŭ novklasika stilo. Planita de la itala arkitekto Juvara kaj realigita de lia disĉiplo Sacchetti, en kunlaboro kun Ventura Rodríguez, ĝi estis finkonstruita en la jaro 1764. Tiu palaco, unu el la plej belaj el Eŭropo, enhavas rimarkindajn artaĵojn, inter ili valoraj pentraĵoj de Goya, Mengs, Bayeu kaj Tiepolo, kaj riĉan kolekton da tapiŝoj. Apud ĝi ekzistas grandspaca rigardejo, de kie oni povas ĝui la mirigan pejzaĝon de la grandaj parkoj *Campo del Moro* (Kampo de la Maŭro) kaj *Casa de Campo* (Kampardomo), kun la montaro Guadarrama malproksime elstaranta sur la fono. Ankaŭ apude troviĝas la elegantaj Ĝardenoj de Sabatini, libere viziteblaj, kie oni povas admiri allogan vidaĵon de la tri plej grandaj konstruaĵoj de la metropolo:

La jam menciita Reĝa Palaco, la Domo Hispanio kaj la Turo de Madrido.

Unu el la fasadoj de la palaco frontas al la Placo de Oriento, kie ankaŭ staras la Reĝa Opera Teatro. Meze de la sama placo troviĝas la fama statuo de Filipo la IV[a], rajdanta, por kies konstruado oni bezonis la kalkulojn de Galileo por ebligi ekvilibron, tial ke la multpeza bronza maso ripozas nur sur la malantaŭaj kruroj de la ĉevalo.

Ĝin skulptis Montañés kaj Tacca, laŭ oportuna desegno de la pentristo Velázquez.

En la Placo de la Urbo *(Plaza de la Villa)* staras la Urbodomo, konstruita laŭ tipe madrida stilo, en la XVII[a] jarcento; la historiplenaj Turo de *los Lujanes* kaj Domo de Cisneros, kiuj formas tre karakterizan panoramon de la malnova Madrido, same

kiel la proksima *Plaza Mayor* (Ĉefa Placo) kerno de la ĉefurba vivo dum la XVII[a] jarcento. Ankaŭ proksime, trans la granda Viadukto de Bailén —de kie oni povas rigardi tre belan panoramon— troviĝas la plej valora preĝejo de Madrido, nome: Sankta Francisko, la Granda, ornamita per belegaj freskoj de Goya kaj Bayeu.

La Prado-Muzeo, enhavanta grandiozan kolekton da plej elstaraj famaj verkoj de eminentaj pentristoj, estas eleganta novklasika konstruaĵo, verko de Juan de Villanueva. En ĝia proksimeco staras imponaj monumentoj, kiel: la historie interesa preĝejo Sankta Hieronimo, rekonstruita laŭ gotika stilo, la modernega Sindikata Domo, la fontanoj «Neptuno», «Cibeles» kaj «La Kvar Sezonoj», la Palaco de la Komunikiloj (Centra Poŝtejo - Telegrafejo), la Pordo de Alcalá, eleganta verko de Sabatini, starigita honore al la reĝo Karlo, la III[a]. El la modernaj grandaj konstruaĵoj elstaras la impona Domo Hispanio, en la samnoma placo. Ĝi havas 26 etaĝojn kaj 2 subteretaĝojn kaj estas 117 metrojn alta. Unu el la plej kuraĝaj atingaĵoj de la konstruintoj --vera arkitektura miraklo-- estas la naĝbaseno, troviĝanta interne de la domego, 96 metrojn super la stratnivelo, kun pezo de 300 tunoj! En la konstruaĵo, kiu povos esti detale vizitata de niaj kongresanoj, troviĝas hotelo, kabaredo, restoracioj, tricent oficejoj kaj pluraj modernegaj vendejoj. Propraj servoj ebligas al ĝi sendependan vivon: centrejoj elektra, varmiga, malvarmiga, aeruma, giganta akvujo --kapabla por 2000 kubaj metroj-- kaj 32 rapidaj liftoj. Dum la laborhoroj, troviĝas tie pli ol kvin mil personoj. En la sama placo rapide progresas la konstruado de simila domego: la Turo de Madrido.

En la Avenuo Generalísimo, 100 metrojn larĝa, febre oni konstruas la domojn de la t. n. «Granda Madrido», kio iĝos estonte la plej grandioza kvartalo de la ĉefurbo; tien oni volas translokigi la komercan kaj trafikan urbokernon. Meze de tiu grava arterio, elstaras la impona stadiumo Santiago Bernabeu, destinita al la futbalaj renkontoj, kiu kapablas enteni 150.000 spektatorojn. Trans la placo Moncloa, kie troviĝas novkonstruita Triumfarko, etendiĝas vasta aro da konstruaĵoj de la Universitata Urbo, kies diversajn Fakultatojn ĉeestas pli ol dek-mil lernantoj. Tie, en ĉarma placo, oni povas admiri belegan statuon el aluminio, antaŭnelonge donacita de la usona skulptistino Huttington.

Oni povus plenigi multajn paĝojn por priskribado pli detala de nia nunjara kongresurbo, sed tio prezentus nur palan bildon. Prefere vi mem ĝuu ties sennombrajn vidindaĵojn, okaze de nia jam baldaŭa renkontiĝo!

DARIO RODRIGUEZ

## 18[a] HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO EN MADRIDO - 23-28 JULIO 1957

**Oficialaj adresoj: Costa Rica, 20 - bajo A aŭ Apartado 19.029 - MADRID**

La kongreskomitato aktive laboras por kontentige prepari ĉiujn aranĝojn. Kredeble, ĉiuj aliĝintoj ricevis informilojn kun klara indiko pri la novaj tarifoj en hoteloj kaj pensionoj. Aliĝu do jam nun; tiel vi faciligos la laboron kaj mem spertos avantaĝojn. La Valencia rondo studas la eblon iri per aŭtobuso al Madrido; tio estas ankaŭ rekomendinda por la kongresanoj de aliaj gravaj urboj. Estas ĵus eldonita bela dukolora kongresa glumarko; ĝia prezo estas UNU peseto por 8-ekzemplera folio; rapidu ĝin akiri por garni viajn korespondaĵojn. Oni prilaboras nun la kongreskarton, kiu estos vera artaĵo NAŬ-kolora. Sed, por stimuli la fervoron de la organizantoj, aliĝu, aliĝu kaj aliĝu, kiel eble plej baldaŭ!




Monon oni sendu nur per ĝiro aŭ poŝtmandato al «Congreso Nacional de Esperanto»:

**General Mola, 277 — Banco de Aragón — MADRID**

## 42[a] UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**MARSEILLE - 3-10 AŬGUSTO 1957**

**Adreso: 32, Cours Entienne d' Orves — MARSEILLE (Francujo)**

Nia BOLETIN atingas jam la numeron 100. Kaj la redaktantoj volas tion festi amasigante subskribojn de amikoj. Jen ĝoje do la mia, sub du linioj.

De antikve oni diras: «Erari estas home». Nur stultuloj kredas sin nefaleblaj. Mi, en mia «Ilustrita Vortaro de Esperanto» ankaŭ, nature, eraris. Tamen, nur miajn erarojn oni denunce reliefigis, ĉe la Akademio, forgesante la siajn...

Sed, ni ne tro seriozigu. Hodiaŭ estas festo!

**FRANCISKO AZORIN** (Meksiko)

## Kara BOLETIN:

Ĉe la centnumera jubileo, mi sentas bezonon ne nur gratuli vin, sed ankaŭ danki vin pro la plezuro kaj ĝuo, kiujn vi donis al mi, via kolego el Nederlando.

Ne estas nura gentilaĵo, diri al vi, ke vi apartenas al la plej ŝatataj gastoj, kiujn mi ĉiumonate bonvenigas en mia redaktejo.

La entuziasmo kaj aktiveco, kiuj ĉiam radias el vi, infektas ne nur komencantojn, sed eĉ veteranojn... Viaj lingvaj artikoloj atestas pri serioza studado. Ili ĉiam estas tre instruaj, ankoraŭ se mi iufoje ne tute aŭ tute ne samopinias kiel vi.

Ĉefe, mi ĝuas viajn kongresraportojn, kiuj pruvas, ke estas eble trakti ĉi tiun pli-malpli sekan temon en bel-literatura formo, kiu tenas streĉita la atenton de la leganto ĝis la lasta vorto.

Unu horeto en via ĉeesto igas min senti, kiom vi proksimigas hispanajn esperantistojn al esperantistoj nederlandaj, kvazaŭ ni loĝus en la sama lando, en la sama urbo, en la sama strato...

Leginte la rubrikon, kiun prizorgis «La Legema Koboldeto», mi supozas, ke tio okazas ankaŭ inverse. Mi dankas vin pro la plurfoja gastamo, kiun mi ĝuis en tiu rubriko. Akceptu ankaŭ la korajn gratulojn de mia ĉefo, la Asocio de Laboristaj Esperantistoj, en la regiono de la nederlanda lingvo, «Fidu la estontecon» (F. L. E.)

Dezirante al vi, ke, per la fajro de via entuziasmo, vi sukcesu ekflamigi centojn kaj milojn da homoj, por la idealo de nia majstro, D-ro Zamenhof, mi restas via kolego

**LA PROGRESANTO**
**Studo-organo de F. L. E. - Amsterdam (Nederlando)**
Sendinto: **F. Faulhaber** - Akademiano

INTERNACIAJ FERIAJ ESPERANTO - KURSOJ

en Helsingor (Danlando) ankaŭ okazos nunjare de 21. ĝis 28. Julio. Aliĝojn kaj informpetojn bonvolu sendi, antaŭ ol 15 Junio, al S-ro L. Friis - Ingemannsvej, 9 Aabyhoj (Danlando)

## K R I T I K O

**Fablo de TOMAS DE IRIARTE**

Dresita Urso de cigano
eklernis danci dupiede.
Ĝi sin ekzercis laŭ la plano
fiere, daŭre kaj obsede.

Jen al Simio ĝi demandis:
«Ĉu Homon mi ne rolas lerte?»
Kaj ĉi fakulo tuj respondis:
«Ho, tre malbone, tute certe!»

La Urso diris nekontente:
«Vi ja kritikas min envie!
Ĉu mi ne paŝas elegante?
Ĉu mi ne svingas min gracie?»

Ĉeestis Porko, kiu donis
aprobon vigle senhezitan:
«Belege! Mi neniam konis
artiston tiel rafinitan!»

Nu, kiam tiu laŭdo sonis,
la Urso paŭzis konsidere.
Jam pli modeste ĝi rezonis,
kaj fine ĝi konkludis: «Vere,

kiam Simio min mallaŭdis,
en mi la dubo sin balancis;
sed, kiam Porko min aplaŭdis,
do certe mi malbone dancis!»

Aŭtoro lernu do admone
el tiu fabla histori':
Se Kler' kondamnas—jam malbone;
se Stulto laŭdas — tiom pli!

Elhispanigis *RETO ROSSETTI*
**Birmingham (Anglujo)**

**PRI LA VORTARO ESPERANTO-HISPANA**

La manuskripton mi tute aranĝis, sed antaŭ ol ĝin presi, mi deziras, ke kleraj samideanoj korektu kaj, ĉiuokaze, pliampleksigu ĝin. Do, ĉiu samidean(in)o, preta helpi min kaj, sekve, la hispanparolantan esperantistaron, bonvolu skribi al mi, kiel eble plej baldaŭ, por ricevi la koncernan materialon, tute aŭ parte, laŭ la nombro de partoprenontoj en la laboro.

Antaŭdankon!

**D-ro E. TUDELA**
**Ruzafa, 43 - I - telef. 13395 - Valencia**

# HONORE AL LA MAJSTRO

La listo de la stratoj kaj placoj kun la nomo «D-ro Zamenhof» aŭ «Esperanto», aperinta en la februara numero de la revuo «Esperanto», naskis en mi la deziron esplori en la pasinteco la originon de tiuspeca honorigo. Estas ĉiam dolĉe reiri kun la penso al la pasintaj tempoj! Kiu urbo donis kaj samtempe ricevis la honoron unuafoje dediĉi unu el siaj placoj aŭ stratoj al la aŭtoro de nia lingvo? Por la placoj, tion faris la hispana urbo Tarrasa, je la fino de junio 1912, okaze de la 3-a Kongreso de «Kataluna Esperantista Federacio». Sinjoro Frederiko Pujulá kun ĝoja entuziasmo tiam tiel raportis en «La Revuo»:

*«Ni inaŭguris en Terrassa la «Placon de D-ro Zamenhof». Jes; de nun ekzistas placo, kiu portas la nomon de nia Majstro, por lia gloro, por ĉiama memoro de lia elpensitaĵo. Ĝi estas la unua urba placo en la mondo, kiu gloriĝas nian movadon, glorigante nian estron. La urbestraro de Terrassa unuanime akceptis la proponon. La Urbestro, S-ro Josep Ulles, oficiale komunikis la decidon al D-ro Zamenhof per Esperanto. Eble ĝi estas la unua oficiala komuniko de aŭtoritatulo redaktita en nia lingvo. La festo de la malkovro de la tabulo okazis tre solene. La urbestraro, kun la urba muzikistaro en parada uniformo, kaj ĝiaj pedeloj kun arĝentaj bastonegoj malfermis nian unuan kunvenon; kaj ni ĉiuj kune, je la takto de nia himno, tra svarmantaj stratoj, sub balkonoj, de kie la virinoj salutis nin per svingado de tukoj —blanka flugado de paca kolombaro— ni solene iris al nia celo».*

Tie en la placo, inundita de suno, interese alparolis la urbestro, elokvente oratoris nia pioniro Pujula al la entuziasmebria publiko, travivanta unu el la plej gravaj historiaj eventoj, kvazaŭ en fabela rakonto. Meze de ĝojaj krioj *brave* kaj *vivu!*, je la amasa kantado de la himno «Espero» sin konkludis la festa solenaĵo por la inaŭguro de la unua placo dediĉita al D-ro Zamenhof.

Post du semajnoj, la 14-an de Julio, kun la sama pompa ceremonio partoprenata de la regiona samideanaro, de la aŭtoritatoj kaj de la simpatiema popolo, en atmosfero de arda entuziasmo kaj de ĝoja emocio, je la kanto de nia himno, en alia hispana urbo, Sabadell, estis inaŭgurita la unua strato honore al la Majstro.

Tiamaniere, startinta de la nobla ĝentila hispana tero, la simpatia ideo al tiu honorigo disvastiĝis tra la mondo, kaj poste pli ol cento da placoj kaj stratoj stariĝis dise sur la terglobo, glore al Zamenhof aŭ al Esperanto.

La nuna jaro estas la 70-a de la apero de nia idiomo kaj la 40-a de la morto de nia majstro; ni celebru la duoblan eventon per la starigo de novaj stratoj aŭ placoj dediĉitaj al nia internacia lingvo, tiel ke, grandnombre, leviĝu la memorsignoj, apoteoze al nia nobla grandioza ideo.

**LUIGI MINNAJA** - Roma (Italio)

Okaze de la 100a numero de BOLETIN, mi sendas miajn plej korajn salutojn al ĉiuj hispanaj esperantistoj. Kun granda intereso, mi ĉiam legis tiun ĉi hispanan bultenon, kiu regule troviĝas en la legejo de la zagreba esperantista societo «Bude Borjan» Sed, bedaŭrinde, post mia forveturo el Eŭropo, mi ne plu vidis la gazeton.

Antaŭ kvin monatoj mi venis en la ĉefurbon de Etiopio, por resti tie dum tri jaroj. Mi laboras kiel kuracisto en la hospitalo por malriĉaj loĝantoj de Addis Ababa. Mi jam do iom ekkonis tiun ĉi belan landon, kie svarmas plej diversaj rasoj kaj lingvoj. Addis Ababa situas en alteco de 2500 metroj super la marnivelo, kaj tial la proksimeco de la Ekvatoro ne estas tro sentebla.

En Etiopio, nia Movado estas tute nekonata kaj mi esperas iom fari tiurilate. Mi jam sukcesis trovi unu esperantiston, kaj nun kun duobligitaj fortoj kuraĝe ni marŝos antaŭen.

Ankoraŭfoje mi sendas plej varmajn afrikajn salutojn al ĉiuj hispanaj samideanoj.

**D-ro Ivo BOROVEČKI** - Addis Ababa (Etiopio)
Komitatano de U. E. A.

**Esperanto ne estas ia nebula idealo, sed vere ideala socia rimedo**

Okaze la feliĉan atingon de la 100ª numero de BOLETIN, mi plezure esprimas miajn gratulojn al la H. E. Federacianoj, kiuj ĝis nun prizorgis ĝian eldonon, kaj speciale al ĝia redaktoro, kiu konstante, fervore kaj esperante plenumis dum pluraj sinsekvaj jaroj la regulan kaj ne ĉiam facilan taskon pretigi la simpatian kaj interesan bultenon. Sincere mi esprimas ankaŭ miajn bondezirojn por ke, paralele kun la Hispana Esperanto-Federacio, la ĉarma BOLETIN kresku kaj pliboniĝu, ĝis kategorio de grava revuo, por la progreso de la hispana Esperanto-Movado.

Kun koraj salutoj, mian amikan manprenon. **Manuel FERNANDEZ MENENDEZ**

**Membro Honora de U. E. A. - Montevideo (Urugvajo)**

## POST EKLIPSO...

Plena eklipso de la suno kovris grandan parton de nia terglobo. Dum tiu eklipso venis uragano timiginta multajn korojn de malgrandfiduloj. Post eklipso kaj uragano vidiĝis ĉie nur ruinoj, ruboj, vivoj detruitaj, malespero en la koroj kaj larmoj en la okuloj. Sed areto da herooj impete sin ĵetas al rekonstruado, rekuraĝigas la homojn, signas al luma estonteco kaj jam ne rigardas malantaŭen, ĉar «tempoj pasintaj jam neniam revenos»...

Per agado, per ekzemploj de oferemo, tiuj herooj ĉion denove rekonstruas, eĉ pli bele ol antaŭe.

«La mond' aliiĝos, la temp' pasos for.
Sed vivos eterne pri ili memor'».

La CENTA numero de la organo de nia amata Hispana Esperanto-Federacio estas simbolo de la braveco de niaj hispanaj samideanoj, de nedetruebla forto de homoj kiuj amas, kredas kaj laboras «pri l' tempoj estontaj pensante». Du mondmilitoj ĉion detruis, enlandaj militoj ĉion konfuzis; sed la hispana Bulteno pruvas al ni, ke nia movado estas nevenkebla kaj ĉion pacience venkas. Iam glora brazila verkisto diris: «Ĉio en la mondo povos perei, esceptante nur la verkon de Cervantes».

Ni diru nun: «Ĉio en la mondo povos malaperi, esceptante nur la ekzemplon de niaj hispanaj samideanoj, kiuj donas nun al ni la CENTAN numeron de sia modela bulteno».

Ni ĉiuj tra la mondo devas lerni de tia grupo por krei ion el nenio. Iliaj kongresoj, ilia bulteno, ilia vigla agado estu modelo por la mondo.

**ISMAEL GOMES BRAGA**
**Rio de Janeiro (Brazilo)**

Okaze de la sukceso je centa numero de BOLETIN, mi ĝojas saluti plej bondezire ĝian redaktoron kun plena konvinko pri la venko de Esperanto.

**DELFI DALMAU, Akademiano - Barcelono**

## Estimataj hispanaj samideanoj!

Estas por mi granda plezuro, ke mi povas en la nomo de TKKE (Tutŝtata Konsulta Komitato Esperantista) en Ĉeĥoslovakio gratuli al Hispana Esperanto Federacio, pro 100ª numero en ĝia organo.

Antaŭ unu jaro povis okazi denove niaj oficialaj interkorespondaj rilatoj kun hispanaj esperantistoj, en kies koroj ne estingiĝis la flamo de la Zamenhofa idealo.

Kvankam ne povante ĝin pagi, ni ricevadas regule vian BOLETIN, kiu estas por ni lernolibro de entuziasmo, eĉ modelo de oferemo kaj bona laboro.

Ni estas dankemaj al Vi!

Permesu do al mi, estimataj amikoj, esprimi la deziron, ke la hispana Esperanto-Movado kaj ĝia bela BOLETIN plue kaj feliĉe sukcesu. Kaj, cetere, bonvolu akcepti kun niaj koraj salutoj la ateston de niaj plej simpatiaj sentoj. Nome de TKKE.

**La Ĝenerala Sekretario, MILOŜ RUDOLS**
**Olomouc (Ĉeĥoslovakio)**

## ANTAŬEN!

Mi ĉiam tre ŝatis la Bultenon de la Hispana Esperanto-Federacio. De la unuaj numeroj ĝis la lastaj, mi sekvis la batalon de la Hispanaj Esperantistoj por venki la antaŭjuĝojn kaj atakojn al nia tre utila movado, precipe inter la katolikoj; sed, fine, oni povas ĝoje konstati la venkon.

Nun vere ni povas aserti, ke Zamenhof estis prava, kiam li skribis:

*«L' espero, l' obstino kaj la pacienco,*
*jen estas la signoj, per kies potenco*
*ni paŝo post paŝo, post longa laboro,*
*atingos la celon en gloro!»*

Al la ĉarma BOLETIN, al ĉiuj tre karaj hispanaj gesamideanoj, mi sendas la plej korajn gratulojn kaj bondezirojn.

Ĉiam antaŭen! Via sindona

**Pastro MODESTO CAROLFI**
**Bologna (Italio)**

## PRAVA ĜOJO

Jarcento estas ĝojiga fakto, kiam ties festanto estas ne homo sed gazeto.

Kiam mia optimismo jarcentiĝos, ĝi krios, memorante la filozofon Leibnitz: —«Mi ja jam vivis cent jarojn!»— kaj mi ĝojos. Lernanto de Schopenhauer, en la sama situacio, grumblus: --«Pli baldaŭ mia palato malvarmumiĝos». Kaj li malbonhumorus.

BOLETIN estas gazeto; ĝi ne mortos.

BOLETIN, la spirite mamuta bulteno de miaj hispanaj fratoj, vivas sian jarcenton en plena ĝojo, sia kaj nia, kaj ju pli ĝi vivos des pli prave ĝi rajtos vivadi. Ne estas naiveco antaŭpensi tiun venontan tempon, kiam, bazita sur glore pioniraj klopodoj, BOLETIN estos gravega periodaĵo, grandformata, multpaĝa, belege ilustrita, subvenciata de la Ŝtato kaj... noble enviata de la portugalaj amikoj.

Pro tia komprenemo kaj faroscio, en tiu estonta epoko, Esperanto glorfame brilos en Hispanujo kaj hispane imponos al eksterlando. Miaj hispanaj samideanoj ne perdis laboron en la pasintaĵo; ili, helpataj de la altaj instancoj, antaŭvideme kreis esperantistajn valorojn, kies elito sciis lerte uzadi sian intelekton. Duoblan ĝojon iliaj pranepoj sentos, nacie kaj internacie, rememore al la prapatra oferemo.

Ankaŭ ni, portugalaj esperantistoj, per nia tuta sincereco, per nia tuta admiro, ĝuos tiam la grandiozan taskon de niaj karaj najbaroj, ĉar certe staras nia pacema esperantismo super ĉio kaj super naciecoj. Ankaŭ nia admiro al ili estos duobla, ĉar ni admiras kaj gratulas ilin kiel esperantistoj kaj kiel nacianoj, kiuj ne vidas motivon por esperantiste sin okupi pri portugalaj mencioj, sed ja tute admiri siajn hispanajn fratojn.

Portugala esperantisto, mi min agnoskas nano, sed kiel portugala amiko mi min konsideras fenomeno.. Konstatu:

Mia staturo estas zamenhofa, mi estas posedanto de grandece normalaj brakoj; tamen, etendante ilin al vi —rigardu!— mi povas ilin longigi ĝis vi kaj vin kapti ĉiujn, geĉiujn, pogrupe, podetale, abonintojn kaj neabonantojn, redaktorojn kaj neredaktorojn, en kaj ekster nia kara BOLETIN, por amike vin ĉirkaŭpremi ĝis preskaŭ --preskaŭ, notu bone!-- ostrompa krako. Vivu BOLETIN!

**SALDANHA CARREIRA, Lisboa**



*Okaze de la glora datreven'*
*Korajn sendas mi al vi gratulojn.*
*Prosperu ĉiam kara la Bulten'*
*Al Esperanto donu ĝi novulojn.*

**Olafur S. Magnússon**
**— Reykjavik (Islando) —**

## MALPROKSIME, EL AŬSTRALIO...

Estimataj kolegoj!

Mi salutas la centan eldonfojon de via konscienca kaj celkonscia gazeto. La nuna numero, per aspekto impresa kaj enhavo ĉiesa, kvazaŭ kronas jarojn da sinofera kaj fekunda laboro. La kompleta kolekto prezentas bukedon da valoraj floroj el la kampo de nia komuna spirita vivmedio.

Tiun floran metaforon naskis memoro pri la parfuma lingvo ofte uzata de la talentaj verkistoj, kiuj tiel ĉarme vestas siajn pensojn en kronikoj kaj raportoj. Al homo kiel mi, skolano de kompakta, kerneca, netesprima skolo, tio venas kiel tre dolĉodora zefiro el sur la romantika pejzaĝo de la miellanga Cervantes.

Tiu frazriĉo, belgarnaĵo plene karakteriza por niaj hispanaj amikoj, neniel tamen fluadas sen densa dozo da inteligenta ideemo kaj vastvida aŭ fundanaliza mastreco super la pritraktataj temoj. La alta kvalito de la recenzoj, senpartiaj kaj servantaj sole al la bono de la legema publiko, jam de longe donis al la gazeto aŭtoritaton, kiel objektiva observanto de la literatura sceno. La nacilingvaj tekstoj, sur la fronta paĝo, estas klarvoĉa klariono kiu stimule sonas kaj sonoras tra la tuta latinida mondo.

Jam tri jardekojn mi streĉe sekvis vian marŝon direkte al la komuna celo. Dum turmentaj tempoj, vi ne indiferentis la sanktan aferon, sed fidele ĝin flegis, uzis kaj utiligis, rigardante per okuloj de la imago al la aŭroro de glora epoko certe realiĝonta.

Amikoj! eĥas via persisto kaj via kuraĝo, kiel viva vervo tra jaroj longe pasintaj. La jaroj tuj sekvontaj provizos paĝojn, sur kiuj vi skribos ore kaj glore la kronikon de ankoraŭ pli potenca penado!

**F. R. BANHAM**
**Redaktoro de «La Rondo» - Melbourne (Aŭstralio)**

# LAŬTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

**LINGVA KRITIKO PRI LA N.° 3 (Marto 1957) DE LA REVUO ESPERANTO**

**El ampleksa skribaĵo sendita de la fervora veterano kaj kompetenta samideano S-ro E. E. Yelland, ni kompilis kaj prezentas al la publika konsidero, kelkajn fragmentojn, kiujn ni trovas interesaj kaj eĉ en multaj aspektoj ankaŭ konkordaj kun nia propra vidpunkto. — Noto de la Redakcio.**

Estimata redaktoro:

Lasu min elgrumbli kelke da prilingvaj ĉagrenoj, vekitaj pro frazeto en nacia lingvo, aperinta sur la dirita numero (paĝo 49, kolono 2) de la oficiala organo de U. E. A. Ĉu Esperanto estas tiel malriĉa en vortoj, ke oni ne povas esprimi en ĝi tiun frazon? Leginte ĝin, mia dormanta cerbo ribelis. Tio igis min pli vigle atenti aliajn vortojn en la sama gazeto. Jen do kelkaj el ili.

Kial ***haltiĝas?*** (paĝo 36). ***Halti*** estas verbo netransitiva. Kial ***asistentoj*** (paĝo 39) kaj ne la ĉiam uzita ***asistanto?*** Ĉu preseraro?... Kial ***lastjarcente?*** (paĝo 41) Peza kombino ĝi estas. Spertaj esperantistoj ne kombinas adjektivojn kun substantivoj. Oni ne diras ***belknabino,*** sed ***bela knabino,*** k. t. p. Krom tio, jen la daŭrigo: «Lastjarcente, ofte pasadis fiakro malrapida, hirta pro stabloj...»

Jen vere stranga fiakro --fiakro hirta--. Neniam mi vidis nek aŭdis pri tio...

Ankoraŭ en la sama paĝo: ***Konserviĝas.*** Unu el miaj amikoj insistas, ke tiu vorto devas esti ŝanĝata al ***estas konservataj.*** Kaj mi opinias, ke li pravas. Jen alia: ***Krokizoj.*** Ĉu preseraro por ***Krokusoj?*** (floro el kiu oni ekstraktas la safranan koloron). La vorto ***skizo*** ja ekzistas en nia lingvo, ankaŭ ***skemo, konturo*** k. t. p. Ĉu tiuj vortoj estas nekompreneblaj? La kritikata vorto, en Esperanto, tute ne havas rajton de ekzisto; do, mortigu ĝin dum ĝia infaneco.

Sur paĝo 40 estas bildo de kabano kun la nomo ***ĉaledo.*** Kia ledo? En teksto, super la bildo, oni povas legi jenan priskribon de tiu rifuĝdomo: «Nia loĝejo: simpla alpa ligna ***kabano*** estis ideala junuldomo». Do, ne estas necese akcepti en Esperanto terminon de iu speciala regiono. La vorto ***tagĵurnalo*** aperas trifoje. Tamen, ne povas ekzisti semajna ĵurnalo, nek monata ĵurnalo, ĉar ***ĵurnalo*** rilatas NUR al tago. Sur paĝo 44 estas skribite: «...plonĝita en tre bela lumeco». Mi absolute ne komprenas, kion signifas la vorto ***plonĝita,*** eble pro manko de imago miaparte... En paĝo 45, jen *Asisto*-Profesoro, kio ŝajne volas egali al helpo-profesoro, ĉu ne? En sama paĝo jen alia gemo: ***Brodkastis.*** Kion signifas tiu vorto en nia lingvo? Ĉu vere en Esperanto, oni ne povas formi vorton por esprimi la ideon de la angla termino ***Broadcast?*** Ĉu en Esperanto oni devas, laŭ kaprico aŭ nescio de iu verkanto, uzi diversajn vortojn, el diversaj lingvoj, por la sama ideo? Tamen, jen ni havas niajn proprajn vortojn: ***dissendi, disaŭdigi, disondi, elsendi*** k. t. p.

En paĝo 47: «Flua ***diskurso***». Se kurso estas serio da lecionoj, ***diskurso*** devas signifi: leciono dise instruata. Cetere, ni havas por la intencata ideo, la vorton ***parolado,*** kaj tiu vorto certe ne ebligas konfuzon. En paĝo 48, jen «***registrita*** prelego». Nu, la prelego estis enlistigita en iu registrolibro, kie ĝi dormados. Mi supozas, ke la prelego estis voĉe surbendigita, sed mi ne estas certa. En la sama paĝo, jen la vorteto ***kredas.*** Multaj esperantistoj treege ŝatas tiun vorton. Ili ***kredas,*** eĉ kiam ili tute ne ***kredas.*** Ŝajne, ili ne povas diri: «laŭ mi, laŭ mia opinio» k. t. p. Ankoraŭ sampaĝe: «*Populaciaj* problemoj». Mi supozas, ke tio estas preseraro por ***popularaj*** problemoj aŭ problemoj de popoloj; tamen...

En paĝo 49, en unu sama kolono, jen ***elvokive,*** jen ***alvokivo.*** Kaj en tie recenzita versaĵo, rimanto devis aŭ volis trovi vorton por rimi kun la vorto ***amiko;*** do, tute sprite li elpensis la vorton... ***ingvenotiko!!*** Ĉu tiko de ingveno? En paĝo 50, io ***doniĝas*** = iĝas dona. Miaopinie, estus pli ĝusta la esprimo: ***estas donata.*** En la sama kolono ensoviĝis la vorteto ***taŝo,*** kiu bone povas rimi kun la angla vorto ***dash*** (daŝo); germane: ***tasche*** (poŝo); france: ***tache*** (makulo) aŭ ***tâche*** (tasko). Tamen, en Esperanto jam ekzistas: mansako (mansaketo); manpoŝo (manpoŝeto). Se la du lastaj vortoj ne taŭgas, oni povas uzi la anglan vorton ***bago*** (sako); tiam oni povus agrable konfuzi ĝin kun la franca vorto ***bagne*** (ringo) kaj tiel... Esperanto fariĝos lingvo de senlimaj konfuzaĵoj.

Post kiam estis presita la ***Suplemento***

*Feliĉo venas ne pro tio, kion oni jam akiris, sed nur pro tio, kion oni ne deziras.*

Sentenco dirita, antaŭ pli ol mil jaroj, de SULEIMAN BEN ABDELGAFIR Poeto en la kortego de Abd-al-Raman, la III-a, Kalifo de Kordobo

## LA BELEGA NATURO

La sunsubiro, en la suda ekstremo de Ameriko, estas unu el la plej grandiozaj spektakloj, kiun povas rigardi la homo: Tra la impona sereneco de la maro, aŭdiĝas la trilado de milionoj da marbirdoj. La milda lumo de l' krepusko, kiu somere daŭras ĝis la deka vespere, envolvas ĉion per griza delikata vualo, dum en la ĉielo treme komencas brili la grandaj kaj puraj steloj de la suda hemisfero.

## KOMERCISTO KAJ MARISTO

—Kie mortis via patro?
—En la maro.
—Kaj via avo?
—Ankaŭ en la maro.
—Ho, kia malsaĝulo vi estas! Ĉu ankoraŭ post tio, vi kuraĝas enŝipiĝi?
—Jes; sed, bonvolu vi nun diri al mi: Kie mortis via patro?
—En la lito.
—Kaj via avo?
—Ankaŭ en la lito.
—Ho, kia malsaĝulo vi estas! Ĉu ankoraŭ post tio, vi kuraĝas enlitiĝi ĉiunokte?...

SE ĈIO OKAZUS GLATE, NENIO GUSTUS ŜATE

## SFINKSA ANGULETO

Du rajdistoj en la dezerto faras veton: Ili rajdos sur la kameloj al puto en proksima oazo, kaj tiu el ili gajnos, kies kamelo alvenos la lasta ĉe la puto. Do, ili ekrajdas kaj marŝas, sed tute malrapide, ĉar ĉiu volas, ke la alia alvenu pli frue, kaj li mem la lasta. Fine, ili haltas, deiras de la kameloj kaj ne scias, kion fari. Ili plendas pri sia embaraso al migranta derviŝo, kiu flustras al ĉiu ion en la orelon. Tiam ambaŭ eksaltas, sin ĵetas sur la kamelojn kaj plej rapide forrajdas en direkto al la celo.

*Kiun konsilon la derviŝo donis al ili?*

**Ĝusta solvo gajnos du poentojn, ĝis 20. Majo.**

**SOLVO PRI ENIGMO «LA STANGO» EN LA PASINTA NUMERO**
**La profundo de la akvo estis 12-metra.**

## SCIINDE ESTAS, KE...

Por prononci unu silabon, oni movas sepdek-du muskolojn.

La elefantoj ŝanĝas siajn unuajn dentojn, kiam ili fariĝas dekkvar-jaraj.

Azio enhavas pli ol duonon de la tutmonda homa loĝantaro; sed, en Eŭropo troviĝas kvarono, proksimume.

*Ĉio, kion oni forgesas, estas forgesinda!* ANGEL GANIVET

—mi supozas, ke tiu vorto en Esperanto estas la simpla vorto *Aldono*, ŝajne *tro* simpla por instruituloj— certaj poetoj aŭ rimfarantoj --ankaŭ ŝercemuloj-- enkondukis, enkondukas kaj daŭre volos enkonduki en Esperanton aron da plurlingvaj vortoj. Tial, kiam iu volas legi simplan rakonton aŭ legendon, tiu devas esti multlingvulo aŭ posedi en sia biblioteko multlingvajn vortarojn. Evidente, bezonante vorton, tiu, kiu ankoraŭ ne bone konas la lingvon, anstataŭ konstati ĉu la bezonata termino jam ekzistas en Esperanto, simple prenos vorton el sia nacia lingvo. Ankaŭ oni faros tion por montri, ke oni estas *erudiciulo* kaj konas iun fremdan lingvon, kun la bedaurinda rezulto, ke Esperanto svarmos kun centoj da fremdaj tute ne necesaj vortoj. Kaj tiuj nesciuloj de nia lingvo devigas nin lerni nenecesajn vortojn, aŭ, pro nescio de iu el tiaj fremdaĵoj, ni transsaltas la nekonatan vorton, kiel ofte mi devis fari lastatempe, legante revuojn, verkitaj de ludantoj de rimoj por *modernistaj* rimŝatantoj. Kaj ĉio ĉi tio direktas nian lingvon Esperanto al disfalo...

Mi protestas, do, pro la senzorga redaktado de grava revuo, kiu reprezentas nian ĉefan organizaĵon. Oficiala gazeto nepre devas aperi sen preseraroj, sen gramatikaj konfuzoj kaj en pura lingvo, kies konsisto estu el elementaj radikoj, sen enkonduko de tute ne necesaj vortoj.

**E. E. YELLAND**
Aspremont (A. M.) Francio

**UN BUEN OBSEQUIO** *para vuestros amigos y corresponsales del extranjero es el presente número extraordinario, que puede adquirirse a* cinco *pesetas el ejemplar. Si se nos mandan las direcciones, lo expediremos directamente, corriendo a nuestro cargo el franqueo*

## VIVO SAMIDEANA

Nia kara samideanino Pepita Criach, el Sabadell, edziniĝos la 30an de kuranta monato Aprilo kun la norvega S-ano Herbert de Caspary. La ceremonio okazos en Oslo, kie troviĝas la hejmo de la novaj geedzoj al kiuj ni deziras daŭran feliĉan kunvivadon. Koran gratulon!

Ges-roj Izak kaj Alida Schoon, el Haarlem (Nederlando) pasigis ferie sep semajnojn en la Valencia rondo, kie oni multe ŝatas ilin pro ilia samideana fervoro, gaja karaktero kaj forta simpatio. Ankaŭ en Valencio oni ricevis la viziton de Ges-roj Bakker, el Amsterdam.

### ATENTIGO

Rilate la abonojn al la gazeto NUNTEMPA BULGARIO, ni devas nun informi, ke S-ano Alfredo Santacana zorgas nur pri enlistigo de abonantoj. Tial, ĉiuj interesitoj sendu al li *nur* nomon kaj adreson, sed ne monon, ĝis ili ricevos pri tio aportunan avizon.

### ANONCETOJ

Mi deziras interŝanĝi Kubajn kolorajn lumbildojn kontraŭ aliaj el tutmondo. Skribu unue pri kondiĉoj.
S-ro Raul JUAREZ-SEDEÑO
Apartado 570 — CAMAGÜEY (Kubo)

:: 23-jara fraŭlo deziras korespondi por interŝanĝi novajn kompletajn seriojn de poŝtmarkoj kun ĉiuj landoj.
Adreso: Suŝo Peicev, str. Industrialna, 11
KIUSTENDIL (Bulgario)

Itala tramvojisto deziras interŝanĝi poŝtmarkojn. Skribu al S-ro Ettore SALMI
Via Francesco Albani, 22 BOLOGNA (Italio)

Ĉeĥoslovaka F-ino deziras korespondi. Skribu al Magda Ŝupichová
Stalingradská, 339
ČERVENY KOSTELEC ⁘ (Ĉeĥoslovakio)

## TESORERIA

Por el número 51986, premio mayor en el sorteo del 25 de Marzo, ha sido agraciado con las 250 pesetas el Grupo Universitario de Las Palmas, por el 86.



## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos correspondientes a ABRIL 1957)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 1.077 | Ptas. |
| F. Turner - Hakefors | 400 | » |
| M. Garriga - Tarrasa | 10 | » |
| R. Quiles - Valencia | 10 | » |
| J. Sánchez - Medina de R. | 5 | » |
| G. García - Bilbao | 15 | » |
| J. Lloveras - Barcelona | 10 | » |
| M. Tarragó - Almotret | 10 | » |
| F. de la Torre - Baena | 15 | » |
| F. de la Puente - Zaragoza | 10 | » |
| L. A. Ramírez - Vera | 10 | » |
| J. M.ª Bolea - Zaragoza | 20 | » |
| F. García - Cádiz | 10 | » |
| R. Ayala - Barcelona | 5 | » |
| R. Palacios - Bilbao | 10 | » |
| Grupo E. y D. - Oviedo | 25 | » |
| J. Estañ - Granada | 45 | » |
| A. Augustín - Durcal | 10 | » |
| M. Ortigosa - Zaragoza | 5 | » |
| E. Pons - Barcelona | 20 | » |
| E. Larruy - Bilbao | 10 | » |
| M. de Elezcano - Bilbao | 10 | » |
| E. B. C. - Valencia | 10 | » |
| A. Alonso - Ceuta | 10 | » |
| J. J. - R. | 59 | » |
| A. Ballestín - Zaragoza | 10 | » |
| A. Sánchez - Madrid | 15 | » |
| S. Chaler - Tarrasa | 10 | » |
| J. Ventura - Tarrasa | 50 | » |
| M. Casasnovas - Zaragoza | 15 | » |
| M. Fernández - Montevideo | 80 | » |
| Total | 1.981 | » |

*Esta buena lista y el presente número se compenetran. ¿No es verdad? Así pues...*

**Eldonkvanto de ĉi tiu numero: 1.250 ekzempleroj**

**Tre plezure ni informas, ke jam estas preta por kompostado la manuskripto de la ADRESARO, kiun certe la membroj de la Federacio ricevos oportuntempe antaŭ ol la Kongreso.**

PERIS - GRAN VIA M. TURIA, 28 - VALENCIA